**BRAZILA ESPERANTISTO** *OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO*






*96-a jaro*
*N-ro 326*
*Jan/Mar 2004*
*R$ 7,00*

# Brazila Leganto

## Kion tiu ŝatas legi?

## Vidindaĵoj atendas nin julie



# Maceió

# Intervjuo

**Verkoj rekomendindaj, brazilaj talentoj kaj PEN-Centro.**
**Jen, inter pluraj aliaj, la temoj pritraktitaj de Sylla Chaves en la lasta parto de la intervjuo**

# Lidja Zamenhof

## 100 jaroj de ŝia naskiĝo

Abontarifo Kategorio 1: Latinameriko, Afriko, Ĉinio, Barato, Orienta Eŭropo - US$ 10,00 / Kategorio 2: Usono, Kanado, Japanio, Tajvano, Koreio, Aŭstralio, Okcidenta Eŭropo. - US$ 15,00

## Esperantaj institucioj, naciaj kaj internaciaj, ĉiuj konsentas en unu punkto: "Oni devas disvastigi esperanton al la ĝenerala publiko, t.e. ekster la movado" do, donacu al viaj familianoj kaj al viaj amikoj, Esperantajn librojn kaj KD-jn.

Jen sugestoj kun rabatitaj prezoj + sendokosto:




O Desafio das Línguas
R$ 20,00
+ R$ 6,00




Esperanto: o novo latim da igreja e do ecumenismo
R$ 17,00
+ R$ 5,00




Esperanto para principiantes
R$ 12,00
+ R$ 5,00




Grande dicionário Esperanto-português
R$ 20,00
+ R$ 8,00

Essência e futuro da idéia de uma língua internacional
R$ 2,00
+ R$ 4,50

Originala Esperanto Bildvortaro
R$ 15,00
+ R$ 5,50




Iniciação à fala do Esperanto
R$ 30,00
+ R$ 5,50




Gramática Completa do Esperanto
R$ 12,00
+ R$ 5,50




Zamenhof-Iniciador do Esperanto
R$ 5,00
+ R$ 5,50



Ilustrita Metodo de Esperanto
R$ 18,00
+ R$ 6,00

Tamen oni ne forgesu la esperantistajn amikojn. Jen sugestoj:




Patro Nia
R$ 10,00
+ R$ 5,50




Vivo Nova
R$ 10,00
+ R$ 5,50



Lasu min paroli plu
R$ 10,00
+ R$ 5,00




La Luzidoj
R$ 28,00
+ R$ 8,00




La senĉesa rakonto
R$ 35,00
+ R$ 8,00




Mirinda vojaĝo de Nils Holgersson
R$ 33,00
+ R$ 8,00

**La prezo validas ĝis la fino de la stoko aŭ ĝis 31/05/2004**
**Varoj mendeblaj:**
**Rete: libroservo@esperanto.org.br • Fakse: (61) 226 4446 • Telefone: (61) 226 1298**
**Poŝte: CP 03625 - CEP 70084-970 - Brasília DF**

***Pagmanieroj:***

☐ *Depono en konton de BEL ĉe "Banco do Brasil", konto n-ro 402706-X, agentejo 0452-9 (ĉikaze bv. sendi al BEL kopion de la deponatesto)*

☐ *Kreditkarto VISA n-ro* ______ - ______ - ______ - ______
*limdato* ____ - ____ *Tri lastaj ciferoj de la dorsflanko de la karto* ____

☐ *Ĝiro al UEA-konto* ***beli-r*** *(ĉikaze bv. sendi al BEL kopion de la ĝirpeto)*

# Brazila Esperantisto

Nacia kaj Internacia Kulturoj

96-a Jaro • N-ro 326 • Jan / Mar 2004






Enhavo



## Kovrilo

Lidja Zamenhof preferis sin dediĉi al Esperanto kaj ties idealoj.



**Pri la nuna eldono**

## Lidja Zamenhof

Ĉijare la mondo festis la Internacian Tagon de la Virino pli intense. Elstara esperantistino, nome Lidja Zamenhof, naskiĝis antaŭ 100 jaroj, en januaro. Kaptante tiujn du okazintaĵojn, nia revuo omaĝas ĉiujn virinojn, kiuj vigle laboris por la nuna atingo de Esperanto.

---


**Abontarifoj - Kategorioj**

❶ Latinameriko, Afriko, Ĉinio, Barato, Orienta Eŭropo.-US$ 10,00 ❷ Usono, Kanado, Japanio, Tajvano, Koreio, Aŭstralio, Okcidenta Eŭropo.-US$ 15,00

**Abonmendoj**

- Pagebla pere de depono en nian UEA-konton " beli-r" aŭ pere de kreditkarto VISA.
- Pere de VISA; informu la karto-numeron, la validdaton kaj la tri lastajn ciferojn de la dorsflanko de la karto.
- Depono en unu el la kontoj:
  ❶ MeesPierson, Postbus 749,3000 AS Rotterdam, Konto 25.52.89.804;
  ❷ ABN-Amro Bank, Postbus 949,3000 DD Rotterdam, Konto 42.60.51.599. Pro banka depreno aldonu 6,81 €. Poste, informu UEA-n pri la depono kaj petu al UEA la koncernan ĝiron al nian konton "beli-r".
- Adreso de la redakcio: C. P. 03625 poŝtakodo BR-70084-970 Brasília - Brazilo
- Retadreso: brazilaesperantisto@esperanto.org.br

Bv. informi al BEL: Vian nomon, sekson, korespond-adreson, reta-adreson.

**Revukunlaboraĵoj:** La ĉefredaktoro juĝas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de la legantoj. Tamen, pro hommanko, spaclimigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: 1-e) Ne sciigi la ricevon; 2-e) Ne redoni la sendaĵojn; 3-e) Ne garantii publikigon; 4-e) Mallongigi tekston tiam, kiam necese; 5-e) Ĝin reviziigi laŭ ortografia, gramatika kaj terminologia aspektoj.

**Anonctarifo:** Tabelo pri prezoj (Brazila Esperantisto) Onoj de paĝo (anoncoj)

**tutpaĝa** (19x25cm)
4-a kovrilo / R$ 1.600,00 € 475,00
2-a 3-a kovrilo / R$ 1.400,00 € 415,00
internaj paĝoj / R$ 1.000,00 € 296,70

**1/2 paĝa vertikala** (9.5x25cm)
R$ 550,00 € 163,00

**1/2 paĝa horizontala** (19x12.5cm)
R$ 550,00 € 163,00

**1/4 kvaronpaĝa** (9.5x12.5cm)
R$ 300,00 € 89,00

**1/3 trionpaĝa** (6.3x25cm)
R$ 350,00 € 103,80

**1/6 sesonpaĝa** (6.5x12.5cm)
R$ 180,00 € 53,80

**1/12 dek-duonpaĝa** (6.3x6.3cm)
R$ 95,00 € 28,00

**piedpaĝa** (19x5cm)
R$ 220,00 € 65,00

- Komercaj markoj reproduktitaj celas nur ilustri kaj apartenas al la posedantoj

# La virino kaj Esperanto

Je la 8-a de marto la mondo festis la Internacian Tagon de la Virino. Je tiaj momentoj, la mondo ordinare rememoras la lukton de multaj virinoj kontraŭ antaŭjuĝoj kaj diskriminacioj de kiuj ili estas viktimoj. Nekontraŭstareble la virinoj jam sukcesis grandajn venkojn pere de siaj bataloj. Tamen multaj baroj persisteme ankoraŭ staras, tutcerte iam disfaligendaj.

Pro la rapideco per kiu la informoj nuntempe trakuras la mondon, la homoj pli kaj pli rapide kleriĝas, kaj sekve de tio, arkaikaj mitoj kaj kulturoj detruiĝas, naskigante egan revolucion ĉe la pensmaniero. Sekve de la progreso de la homa penso, antaŭjuĝoj kaj diskriminacioj pli kaj pli malaperas, kaj la virino, paŝ-paŝe, okupas la lokon, kiun ŝi rajtas, en la socio.

En la historio de Esperanto, la ina agado estis faktoro tre grava por ke "projekto de helplingvo por internacia komunikado", "lanĉita en 1887", rapide evoluu "en vivoplenan, nuancoriĉan lingvon", kiu "jam pli ol jarcenton funkcias por kunligi homojn trans lingvaj kaj kulturaj baroj", deklaras la Manifesto de Prago, aprobita en 1996, okaze de la 81-a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en la Ĉeĥa ĉefurbo.

El la virinoj, kiuj elstariĝis en la lukto por Esperanto, ni elektis kiel celon de niaj omaĝoj Lidjan Zamenhof, plejjuna el la gefiloj de Lazaro Ludoviko Zamenhof. Temas pri tiu elstara Esperantistino la kovrilraporto de ĉi-numera Brazila Esperantisto. Kompreneble la elekto ne okazis hazarde. Influis tion la fakto, ke je la 29-a de januaro pasis 100 jaroj de la naskiĝo de nia omaĝito.

Lidja Zamenhof dediĉis sian vivon, siajn fortojn, intelektajn kaj moralajn, al Esperanto kaj ties idealoj.

Per la informoj de la paĝoj 9, 10 kaj 11, la redakcio deziras, ke niaj legantoj konu iomete la historion de tiu virino, kiu, pro sia kondiĉo juddevena kaj esperantisto, mortis en gasĉambro en Treblinka (Pollando).






**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477

Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo • Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser

96-a Jaro • Januaro / Marto 2004 • N-ro 326

Aperas trimonate

**Eldona Stabo**

**Respondeca Ĵurnalisto** Emerson Werneck RG 06254JP/MG **Ĉefredaktoro** Carlos Maria

**Konstantaj kunlaborantoj** Adonis Saliba, Aloísio Sartorato, Aymoré Vaz Pinto, Gacy Simas, Ísis Climany Okabe Piton, James Rezende Piton, José Carlos Dorini Ramos, José Saraiva Matos, Lício de Almeida Castro, Luciano Barbosa da Silva, Wilson Álvares de Oliveira

**Ĉi-numeraj kunlaborantoj** Afonso Borges Galego Soares, Aristóphio Andrade Alves Filho, Carlos Alberto Monteiro Leitão, Eimara Messias Lima, Euclydes G. de Carvalho,Raul de S. Silveira, Sylla Chaves, Pernambuka Esperanto-Asocio

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo** Elison Simas **Grafika asistado** Luciana Maria **Revizio kaj tradukado** BEL-asesorskipo

Redakcio ĉe BEL-sidejo - Telefono: 55 (61) 226 9433

**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**

Abonebla ĉe UEA kaj ELNA




Fondita en 1907

**Sidejo** Ed. Venâncio III - Sala 301/303, Setor de Diversões Sul **Poŝtadreso** Caixa Postal 03625, CEP 70084-970 Brasília - DF

**Telefono** (0xx61) 226 1298 **Fakso** (0xx61) 226 4446 **Retadreso** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo** www.esperanto.org.br

# Sylla Chaves

## 2-a Parto

*BE daŭrigas ĉi-numere la intervjuon kun la klera samideano Sylla Chaves. Pri lia laboro por Esperanto ni aldonas: rilate al BEL li prezidis ĝin de 1978 ĝis 1981, kaj tiam, laŭ li informis, sukcesis realproksimigi la movadojn de BEL kaj KKE kaj repreni la perantecon de UEA. Ekster Brazilo, en malsamaj periodoj, li vigle partoprenis en la E-movadoj de Novjorko, Parizo, Kalifornio kaj Paderborno (kie li estis invitita profesoro, helpanto de Helmar Frank). Li multe verkis portugale kaj Esperante, ricevis premiojn en belartaj konkursoj de UEA, kaj aperas en diversaj antologioj; inter ili la du ĉefaj: Esperanta Antologio (1984) kaj Nova Esperanta Krestomatio (1991). Pro sia Esperanta verkaro, li ricevis la premion Onisaburo Deguĉi (1991) kaj, iom poste, fariĝis honora membro de UEA.*

**Brazila Esperantisto (BE)** Kiujn verkojn aŭ aŭtorojn vi rekomendus al tiuj, kiuj intencas eklegi esperantajn verkojn?

**Sylla Chaves (SC)** Nepre tiujn, kiuj plej fidele sekvas la postsignojn de niaj pioniroj, kiel ekzemple Marjorie Boulton kaj Claude Piron. La unua libro, kiun mi legis, kiel komencanto, estis LA VIDVINETO, tradukita de Porto Carreiro Neto. Poste, KARLO, de Edmond Privat. Ambaŭ tre taŭgas por komencantoj.

**BE** La 10-an de septembro 1993 en Santiago de Compostela la PEN-Mondkongreso akceptis Esperantan PEN-Centron. De tiam Esperanto estas oficiale agnoskita de PEN-Klubo Internacia kiel literatura lingvo. Laŭ vi, kiom gravas tiu agnosko (se efektive, laŭ via vidpunkto, tio gravas)?

**SC** Tiu agnosko gravas multe. Ĉiam gravas, kiam prestiĝaj organizaĵoj, kiel Unesko, PEN-Klubo Internacia, Fondaĵo Getúlio Vargas kaj similaj registaraj kaj neregistaraj organizaĵoj rekonas la seriozecon de la Esperanto-movado kaj akceptas nian kunlaboron.

**BE** Laŭ via opinio, historie, kiuj estis la plej elstaraj talentoj de la esperanto-movado?

**SC** Anstataŭ sekvi la plimulton, kaj mencii la pionirecon de Zamenhof kaj Grabowski, la stilon de Kabe, la poezion de Kalocsay, la teatrecan didaktikon de Pastro Ĉe, la elokventecon de Lapenna aŭ la erudicion de Waringhien (el kiuj mi bone konis kaj plurfoje aŭdis la du lastajn), mi preferas paroli pri aliaj sep, malpli konataj de brazilanoj, sed ne malpli gravaj por miaj rememoroj. Unue, Tibor Sekelj, kies interesegaj vojaĝoj tra la tuta mondo multe gravis por ke mi decidu alproksimiĝi al la Esperanto-movado kaj tie resti por ĉiam. Due, Eŭgeno Miĥalski, la brilega rusa poeto, kiu muzike ĵonglis per siaj vortoj, kaj kiun iu recenzisto rimarkis, ke mi klopodas imiti. Trie, Raymond Schwartz, kiu gvidis la gajan Esperantan kabaredon "La Tri Koboldoj", en kies programoj mi plurfoje partoprenis. Kvare, Ralph Bonesper, la hungara enmigrinto kaj SAT-delegito en Novjorko, kiu estis malriĉa kuireja teler-lavisto, sed sukcesis organizi la sendadon de centoj da help-pakaĵoj al bezonantaj eŭropaj esperantistoj tuj post la mondmilito. Kvine, Anthony Brooke, brita civitano kaj eksraĵao de Sarawak, kiu haltis en Rio meze de mondvojaĝo por paroladi pri paco kaj Esperanto. Sese, Helmar Frank, kreinto kaj motoro de la Akademio Internacia de la Sciencoj kaj batalanto por la enkonduko de Esperanto en ĉiujn sciencajn fakojn. Kaj sepe kaj laste Georges Kersaudy, ĉef-interpretisto de UN, kiun mi ekkonis tie. Laŭ "Le Monde de l' Espéranto", li nun konas multajn dekojn da lingvoj, el kiuj li jam faris oficialajn tradukojn el pli ol kvindek. Kiel vi vidas, ili ĉiuj elstaras antaŭ miaj mirigitaj okuloj.

**BE** Kiuj estis la grandaj surprizoj de la Esperanto-movado en la lastaj jaroj?

**SC** Ĉar mi ĵus parolis pri mortintaj aŭ maljunaj



eksterlandanoj, mi nun parolos pri gebrazilanoj kun promesplena vigleco, al kiuj mi volonte transdonos la torĉon. El ili la plej veterana estas Paulo Sérgio Viana, kiu nun komencas montri novajn facetojn de sia grandega talento. Jes, Paulo! Kiel bona surprizo! Daŭrigu vian tradukadon, sed nepre ne ĉesu produkti novajn originalajn prozaĵojn. Antaŭ kelkaj jaroj Tarcísio Lima telefonis al mi demandante, ĉu iu nordorienta kantoteksto, kiun li trovis, estas traduko mia. Mi respondis, ke ne, kaj donis la nomon de aliaj eblaj tradukintoj. Kaj li respondis, ke la traduko ankaŭ ne estis ilia. Kaj mi aldonis: do, povas esti de iu juna lernanto, kies debutajn sed lerte faritajn poemetojn Paulo Amorim Cardoso montris al mi antaŭ plimalpli dudek jaroj. Kaj li respondis: Eble tiu junulo estis mi, ĉar ĝuste en tiu epoko mi komencis verki. Ni ankoraŭ ne scias, kiu tradukis tiun kanzonon, sed mi multe fieras, ĉar mi rekonis la talenton de Tarcísio Lima dudek jarojn antaŭ ĝia fulmebrila apero por la brazila kaj tutmonda esperantistaro. Bonvolu ne plu malaperi, Tarcísio! La tria fulme brila Esperanta talento estas Neide Barros Rêgo. Kaj pri ŝi mi plej multe fieras, ĉar mi povis akompani paŝon post paŝo ŝian marŝadon de la portugallingva Parnaso al la Esperanta. Unue, kiel deklamantino, poste, kiel premiata poetino, kaj nun eĉ kunigante belan kantistinan voĉon al la prezentataj poeziaj tekstoj. Danke al ŝi mia vidbendo "Plurspecaj Eroj Por Artaj Vesperoj" estis premiita en la belarta konkurso de Fortalezo. Dankon, Neide!

**BE** Esperanto estas la temo de multaj ret-adresoj. Kiuj, el tiuj, plej elvokis vian atenton kaj kiuj nun meritas vian komenton? Kaj kiujn proponojn aŭ sugestojn vi havas pri tiu moderna aspekto de komunikado?

> **...mi rekonis la talenton de Tarcísio Lima dudek jarojn antaŭ ĝia fulmebrila apero por la brazila kaj tutmonda esperantistaro.**

**SC** Mi eklernis informadikon en Stanford, en 1970/1972. Revene al Rio, du jarojn poste, mi instruis ankaŭ informadikon, ellaboris programojn por lerneja administrado, komputile helpis sociajn esplorojn kaj multe verkis komputile. Sed, kiam informadiko komencis furori kaj renoviĝi preskaŭ ĉiumonate, personaj problemoj malproksimigis min de tiu kampo. Nur antaŭ nelonge mi komencis reaktualiĝi, kaj denove multege uzas komputilon nun. Mi jam estas plenkreska kaj vakcinita komputikisto. Tial mi defendas min kontraŭ "virusoj" kaj "spamoj" kaj rifuzas brandoplene "navigi" de retadreso al retadreso, kiel la fama "ebria ŝipo" de la franca poeto Arthur Rimbaud. Ĉiutage kaj preskaŭ ĉiuhore mi laboras perkomputile (verkante, elektante bildojn por tv, kalkulante, lernante ktp), sed mi preferas ne ligiĝi al Interreto hejme. Mia partopreno en retaj diskutgrupoj kaj konsulto al TTT-ejoj mi ĉiam faras pere de amiko. Materialojn el la reto mi ricevas printite aŭ en disketo. Tial mi malbone juĝus la vizitindajn ret-adresojn. Sed mi jam aŭdis multajn laŭdojn pri la kvanto da informoj pri Esperanto en Interreto. Sed mi konsilas, ke ni zorgu kiel eble plej multe pri kvalito. Pro hasto, malatento aŭ neglekto, tekstoj en Interreto havas multe pli da eraroj ol libroj, gazetoj kaj revuoj (printeraroj, misinformoj ktp). Se Interreto estas grava, ĝi meritas almenaŭ la saman zorgon kiun oni havas dum verkado de libroj aŭ KD. Oni ne devas forgesi, ke (malgraŭ siaj altaj kvalitoj) Esperanto ankoraŭ havas malamikojn, fortajn malamikojn. Ju pli videblaj ni estas, des pli facile ni povas esti atakataj. Kaj niaj plej bonaj defendoj estas nekontesteble alta kvalito kaj ĉiama singardo.

**BE** Oni rimarkis, ke en Belo Horizonte vi lanĉis facilajn legolibrojn. Kial vi opinias, ke facilaj legaĵoj estas gravaj por lingvo-lernado?

**SC** Tiuj, kiuj multe vojaĝas, kontaktante homojn el diversaj gepatraj lingvoj, bone scias, ke oni povas komunikiĝi sen gramatiko, sed ne sen vortoj. Kiam

la realo, kiun oni serĉas estas malproksima, oni bezonas la vorton aŭ vorteron, kiu ĝin elvokas, ekzemple: hotel, dorm, hospital, polic, malsat, urbocentr, elirej, taksi, lac. Evidente la frazetoj "kiel vi fartas?", "kiel vi nomiĝas?" aŭ "varme, ĉu ne?" montras ĝentilecon, sed ne sufiĉas por kontentigi eventualajn bezonojn, kiuj ĉiam estas variaj kaj neantaŭvideblaj. Nepras ekkoni kiel eble plej multajn ofte uzatajn vortojn. Tiajn vortojn oni lernas en vortaroj aŭ en facilaj legaĵoj. Vortarojn oni konsultas, kiam necese, sed por multaj ili estas teda legaĵo. La plej agrabla maniero lerni gravajn vortojn estas per facilaj legaĵoj.

**BE** Vi antaŭe verkis plurajn facilajn legaĵojn, kiel ekzemple "Libera Ekflugo". Kiu estas la novaĵo en la ĵus lanĉita kolekto?

**SC** Miaj antaŭaj legolibroj ("La Estonto Dependas de Ni", "Lernu Kantante" kaj "Libera Ekflugo") havas tri nivelojn: elementa, meza kaj supera. Sed la malpli laboremaj lernantoj (t.e., la plimulto) kontentiĝas kun la elementa parto. Eĉ en "Lernu Kantante", kun nur 36 kantoj (trioble 12), oni povas rimarki, ke tra la tuta Brazilo oni kantas "La Unuaj Tri Numeroj", "Bonan Tagon" kaj "Ne Perdu Vian Tempon". Kaj preskaŭ neniu atingas la pli maturajn kantojn, kiel "La Bufo", "Letero al Laŭra" kaj "Kial, Sinjoroj?". Por atingi eĉ la malplej legemajn, miaj libroj kaj prezoj fariĝis nun tre malgrandaj. Kaj en la fino de la libroj estas sufiĉe simplaj klarigoj pri vortoj.

**BE** Kial vi povas aserti, ke viaj legaĵoj estas facilaj?

**SC** Ĉar en la verkado mi elektis la plej uzatajn vortojn. Ekzemple, la historieto "En la Kongreso" enhavas nur la vortojn plej uzatajn dum Esperantaj kongresoj. Gravega Esperanta organizaĵo listigis ilin post magnetofona registrado kaj statistika analizo per komputilo. Ĉiuj aliaj legolibroj de la serio ankaŭ prezentas zorge elektitajn vortojn por ke la vortprovizo de la legantoj sensalte kaj senhalte pliriĉiĝu. Post la legado de la sepa libreto (Unu Tago en la Vivo de Teodoro) jam estos facila la ĝisfina legado de la triniveIaj legolibroj kiel "Libera Ekflugo".

**BE** Kion vi celas aldonante al tiuj legaĵoj la portugalan tradukon?

**SC** Mi celas plifaciligi la komencan legadon de portugallingvaj esperantistoj. Ili povos kontroli sian komprenon, unue tradukante, kaj poste komparante sian tradukon kun tiu prezentita de mi. Sed nur la unuaj kvar libretoj de la serio havas paralelajn tradukojn. La lastaj ne, por ke la legantoj alkutimiĝu lerni la signifojn de la novaj vortoj en la lernata lingvo mem.

**BE** Diversaj nuntempaj Esperantaj aŭtoroj metas kelkajn el siaj verkoj en Interreton. Kial vi ne faras la samon?

**SC** Mi havas la plezuron informi al vi, ke mi ĵus komencis fari tion. Mi uzas la hejman paĝon de la Kooperativo (*www.kke.org.br*). En ĝi estas tekstoj

**La plej agrabla maniero lerni gravajn vortojn estas per facilaj legaĵoj.**

Esperante kaj portugale. En ambaŭ disdividoj iom post iom eniras verkoj miaj: artikoloj, poemoj, kantoj, bildoj ktp. Tie jam estas, interalie, la 40 strofoj kun koloraj bildoj "Bestetoj, Bestegoj kaj Bestaĉoj" kaj la facila legaĵo "La Juna Verkisto". Mi nun studas la eblecon adapti por komputilo la lernilan kolekton "Kantu kaj Lernu".

**BE** Bonvolu transdoni vian finan mesaĝon al niaj legantoj:

**SC** Estas du tipoj de bonaj esperantistoj. Unue estas tiuj, kiuj transformas sian simpation en helpon. Per mono, per laboro aŭ simple per taŭgaj vortoj, kies rezulto estas la alveno de novaj esperantistoj al nia rondo. Ne gravas, ke ili ne lernas la lingvon (pro nekapablo aŭ pro nebezono). Ni danku ilian simpation kaj helpon. Due estas tiuj, kiuj decidis lerni la lingvon. Ili estu bonvenaj, sed sciu, ke Esperanto estas simpla, sed estas lingvo. Kaj lingvolernado ĉiam postulas seriozecon. Kaj seriozaj lernantoj studas ĉefe hejme. Por tiu hejma lernado mi jam produktis lernolibrojn, legolibrojn, vortarojn, diskojn, sonbendojn kaj eĉ vidbendojn. Nun la pilko estas kun la novuloj kaj iliaj instruistoj.

## Originala literaturo Esperanta

En la ttt-ejo *http://www.geocities.com/origlit/* troviĝas listoj de aŭtoroj, originalaj romanoj, noveloj/rakontoj, dramoj kaj poemaroj verkitaj originale en Esperanto kaj aperintaj de 1898 ĝis nun, ligitaj al dokumentoj kun pliaj informoj pri aŭtoroj kaj verkoj, inkluzive kelkajn centojn da recenzoj. La tuto formas ampleksan kaj kreskantan datenaron.

En decembro 2003 la retpaĝaro "Originala Literaturo Esperanta" - OLE - atingis amplekson de mil dokumentoj plus centoj da bildoj kaj centoj da ligoj al eksteraj dokumentoj. Interalie oni atingas per OLE 520 recenzojn pri originalaj verkoj. Ofte oni povas legi du tri aŭ eĉ pli da recenzoj pri unu sama verko.







## Esperanto-kursoj en la reto

Ĉe la retpaĝo *http://www.edukado.net/es_lernejoj.jsp* troviĝas listo de Esperanto-kursoj je ĉiuj niveloj en la tuta mondo. La projekto celas kunigi informojn pri Esperanto-kursoj inkluzive la nivelon, nombron de partoprenantoj, instruiston, ktp. En la listo troviĝas nun nur 18 kursoj. Por pligrandi la liston estas petataj ĉiuj kompletigi la liston.

Katalin Kovats - Rete: *katalin.kovats@wanadoo.nl*

**Fonto: Ret-info**



# Centjaro de naskiĝo de Lidja Zamenhof

*Je la 29-a de januaro pasis jarcento de la naskiĝo de Lidja Zamenhof. Pro la jubilea dato, multaj esperantaj organizaĵoj omaĝis ŝin. Unu el tiuj organizaĵoj estas Kultura Kooperativo de Esperantistoj (Rio-de-Ĵanejro, BR). Tie, en decembro, prelegis Affonso Borges Galego Soares. Kun lia permeso kaj de KKE,* **Brazila Esperantisto** *faris el la prelego sian ĉi-numeran kovril-raporton.*

La homo, kies memoron ni hodiaŭ omaĝas, estis la plej juna el la tri idoj de Gesinjoroj Ludoviko kaj Klara Zamenhof. La plej aĝa estis Adamo, naskita en 1888, kaj post Adamo, en 1892, naskiĝis Sofia. Ĉiuj inde sekvis la idealojn de la patro, sed Lidja aparte distingiĝis per fervora, fekunda poresperanta aktiveco, malgraŭ sia mallonga, nur 38-jara vivo. Ŝi venis en la mondon en Varsovio, Pollando, la 29-an de Januaro 1904, kiam Esperanto ankoraŭ adoleskis en sia 17-jara ekzistado kaj estis baldaŭ enironta novan fazon de kreskado, inaŭgurotan de la Universalaj Kongresoj. La unuan instigon al serioza lernado de Esperanto Lidja ricevis ĝuste dum la familiaj preparoj por partopreno en la 9-a Kongreso okazonta en Berno en la jaro 1913. Ŝi tiam aĝis 9 jarojn kaj ŝiaj scioj pri Esperanto limiĝis al la signifo de la vorto "ĉokolado" kaj uzado de la esprimo "bonan nokton". La patrino Klara minacas ŝin per restado en Varsovio, do per nepartopreno en la Kongreso, se ŝi ne sufiĉe lernos la lingvon. Ŝi mirinde progresis dum sessemajna lernado, kaj en tiu proza okazaĵo certe sidas la bazo de estonta, plej fruktodona poresperanta laborado, al kiu tiu nobla animo sin dediĉis dum sia tuta vivo. Inter 1913 kaj 1920, ŝi faris siajn unuagradajn kaj duagradajn studojn. En 1921 ŝi eniris la Juran Fakultaton de la Universitato en Varsovio, kaj en 1925, post sukcesa plenumo de ĉiuj ekzamenoj, ŝi ricevas la titolon de magistrino pri Juro. Ŝi do estis la unua juristino en la Zamenhofa Familio. Zamenhof kaj liaj fratoj Leono, Henriko kaj Aleksandro, krom ankaŭ la gefiloj Adamo kaj Sofia kaj bofilino Wanda estis ĉiuj kuracistoj. Alia frato, Felikso, magistriĝis pri Farmakologio. Dum ne multaj jaroj, laŭ koncerna leĝaro en Pollando, Lidja praktikis Juron ĉe advokato, sed ŝi ne havis alvokiĝon al jurista kariero. Ŝi preferis dediĉi sian vivon, siajn fortojn, intelektajn kaj moralajn, al Esperanto kaj ties idealoj. Ekde la jaro 1924, pli nete ekkonturiĝis ŝia fekunda agado por disvastigo de Esperanto. Dum la Viena Kongreso, en tiu jaro, ŝi komencis aktivecojn en Internacia Studenta Esperanto-Asocio, sed ŝi jam ankaŭ aktivis kiel estraranino de Esperanta Rondo "Konkordo", en Varsovio.

Ŝia brila kariero vere difiniĝis post diplomiĝo kiel Cseh-metoda instruistino en 1930. De tiam, ĝis la limoj starigitaj de ŝia terura sorto, ŝi vojaĝadis al diversaj eŭropaj landoj, krom ankaŭ al Usono, por gvidi kursojn, fari prelegojn, partopreni kongresojn, solenaĵojn, inaŭgurojn k.s. Alia flanko de ŝia vigla agemo montriĝis en literaturo, ĉefe en tradukoj el la pola en Esperanton: menciindas noveloj de Boleslaw Prus kaj de Henrik Sienkiewicz, kaj en 1933 ŝi esperantigis la monumentan verkon *Quo Vadis?*, de Sienkiewicz.

Plej forta, distingiĝa trajto de ŝia nobla karaktero certe estis maltima konfeso, eĉ se nur per silenta esprimo, de siaj sentoj, de sia juĝo pri la aferoj, kaj se temis pri ideoj, ŝi nepre transiradis el intima konfeso al senkaŝa praktiko. Ĉirilate ŝi ankaŭ klare sekvis la paŝojn de sia patro.

Isaj Dratwer asertis en la biografia verko Lidja Zamenhof, Vivo kaj Agado:

*"Se la kreinto de Esperanto siajn religiajn sentojn esprimis antaŭ ĉio en la "Preĝo sub la Verda Standardo" kaj "Hilelismo", Lidjan plene kaptis kaj ensorbis la universala*



*religio - Bahaismo, fondita de perso Bahá-ù-lah*".

Multaj povas kredi, ke sufiĉis al Lidja - homo ĝis tiam nekredanta, ateista – konatiĝi kun la principoj de Bahaismo por tuj aliĝi. Ŝi male devis atendi kelke da jaroj post sia unua kontakto kun la bahaa ideario por plenanime konvertiĝi, por fervoriĝi en la disvastigado kaj praktikado de tiu idearo. En 1925, ŝi hazarde faris sian unuan kontakton kun bahaismo okaze de bahaa rekontiĝo en la kadro de la Universala Kongreso en Ĝenevo. Ŝi aŭskultis la paroladojn, la legadojn, sed ŝi diris: "*vortoj eniris unu orelon kaj eliris tra la alia*".

En 1926, iu elstara reprezentanto de la bahaa kredo, bonega esperantistino, S-rino Martha Root, devis paroladi pri la rilatoj inter la verko de Zamenhof kaj la bahaaj principoj dum inaŭguro de monumento starigita sur lia tombo en Varsovio. Lidja forte impresiĝis de tio, kiel la principoj de bahaismo povis tiel forte kaj profunde influi virinon, kiu, estante nek riĉa nek forta, migradis tra la tuta mondo por disvastigo de sia kredo. Lidja tamen ne aliĝis, restis ateisto, kaj eĉ firme restis ĉe la konvinko, ke, estante ateisto, ŝi ne povus fariĝi bahaano, ĉar bahaano kredas la ekziston de Dio.

Malgraŭ tiuj bataloj, tenataj en suprajaj tavoloj de la konscienco, tamen ia soifo al spirita vivo, ia soifo al Dio ĉiam pli kaj pli kreskadis en ŝia memo, ĝis ŝi fine, en la jaro 1932, decidis vojaĝi al la palestina urbo Hajfa, kie stariĝis la bahaa monda centro kun ties bahaaj sanktejoj.

Dum intensaj animkrizoj, travivante en Hajfa deprimon, malkuraĝon, aspirante al tuja morto, ŝi serĉis rifuĝon en preĝado, en konstanta preĝado, ke Dio ŝin helpu. Longe ŝi atendis, nenia respondo venis, ĝis unu tagon, simpla okazaĵo trafendis la dikajn murojn, en kiuj ŝia menso restis enfermita. Ŝi mem rakontas:

"*...unu matenon, kiam post longa preĝado mi leviĝis, mia okulo vidis floron kuŝantan sur la sojlo. Ruĝa araneo, tre malgranda, ne pli granda ol pinglokapo, kuris ĉirkaŭ la kaliko de la floro. Mi eletendis mian manon kaj donis al ĝi senzorgan puŝon per mia fingro. Por mi nur puŝeto estis tio; por la araneo terura bato. Ĝi ŝajnis ankoraŭ pli etiĝi kaj malfortiĝi, kaj falis de la floro, de la sojlo, malsupren al la grundo. Sed subite okazis io, kio igis min rigardi ĝin kun stranga sento: la eta araneo ne falis sur la grundon. Ĝi haltis duonvoje, kvazaŭ la leĝo de gravito neniiĝus subite por ĝi - kaj jen, kvazaŭ spite al tiu leĝo, ĝi sin tiris pli kaj pli supren, ĝis la kaliko de la floro ree fariĝis ĝia rifuĝejo kaj ĝin kaŝis kontraŭ mia vido. Rapide kaj blindumige kiel fulmo venis al mi subita konscio, ke tiu araneeto estis signo sendita al mi de Dio. Signo por diri al mi, ke animo, kiu ankoraŭ scias kiel konservi fadenon da espero, eĉ se nur tiom maldikan kiel aranean fadenon, ne devas perdiĝi en senespero; eĉ el abisma profundo ĝi estos kondukata supren ĝis ĝi atingas sian ĉielan rezidejon, ĝis ĝi venas al Dio. Tio estis promeso de protektado, kiel signo, ke la ĉielo ne estus nepenetrebla volbo super mia kapo, ke eblus trapenetri tiun volbon kaj ricevi lumon de tie*".

Ŝi tamen ne definitive venkis la lastan batalon. Ankoraŭ dum kelkaj tagoj en Hajfa ŝi restis sub premega regado de deprimoj, duboj, hezitoj, kiuj formalaperos nur post ŝia eniro en la bahaan sanktejon. Ankoraŭ ŝi mem rakontu sian signifoplenan sperton:

"*...Denove mi estis trista, terure trista dum tiu lasta mateno, supreniranta Monton Karmelon la lastan fojon. Senkuraĝe mi eniris la Sanktejon kaj klinis min lastan fojon antaŭ la Sankta Sojlo. Mia koro, mia kapo, mia animo, la aero mem ŝajnis faritaj el ledo. Mi sterniĝis por la lasta preĝo. Kaj kiam mi preĝis, la sento de nenieco kaj deprimo komencis fariĝi malpli peza. Iom post iom ĝi malaperis. Kaj kiam ĝi estis malaperinta, ĝojo venis, ĝojo sen ia ekstera kaŭzo, ĝojo naskita en la koro kvazaŭ la koro subite estas tuŝita per ridetanta sunradio. Tiu ĝojo daŭre kreskis, kiel mara tajdo, ĝis kiam, kiel martajdo, ĝi inundis mian animon. Kaj ankoraŭ ĝi plukreskis, ĝis ĝi estis tiom granda, ke se nur unu gradon ankoraŭ ĝi leviĝus, ĝi simple krevigus mian koron! Ĉia tristeco, ĉiaj duboj, ĉiuj tiuj malhelaj horoj de batalado estis for kaj la ĝojo regis, ĝojo sendita el la ĉielo, Dia konfirmado. Kiu ajn ricevas tian konfirmon, tiu forgesas siajn dubojn. Kiu ajn iam spertas tian ĝojon, tiu neniam plu povos esti tute malĝoja, eĉ ne dum la plej malhelaj horoj de sia vivo.*"

Tiam ŝi ne povus konscii la egan amplekson de tia spirita konkero, ĉar ankoraŭ ne estis amasiĝintaj sur Eŭropo la nigraj nuboj sinistre aŭgurontaj la inferan teroron sub kies senkompataj, malhumanaj, kruelegaj radoj Lidja devos finplenumi la oferon de sia vivo.

Portante jam en sia animo la



dian lumon, ŝi revenis al la idealisma semado, kaj en 1937 ŝi veturis al Usono, kie ŝi gvidis kursojn, prelegis pri Esperanto, pri bahaismo, ĉiam atentigante pri la esencaj harmonioj inter la revelacio de Bahá-ù-llah kaj la interna ideo de Esperanto:

*"Interrilatu kun la sekvantoj de ĉiuj religioj en spirito de afableco kaj frateco."*

*"Ne gloru sin tiu, kiu amas sian patrujon, sed tiu, kiu amas la tutan mondon."*

*"La tagoj alproksimiĝas, kiam ĉiuj popoloj de la mondo akceptos universalan lingvon. Kiam tio estos atingita, ĉiu homo, kiun ajn urbon li vizitos, kvazaŭ eniros en sian propran domon."*

Kiel surpriziĝi, ke tia karaktero, kiel Lidja, fervore, tutanime aliĝis al unu tia idearo?

De Usono ŝi revenis al Pollando en la 10-a de Decembro 1938 kaj ĉiam ankoraŭ laboradis por Esperanto en la ĉefurbo Varsovio.

Sed jen, en la 1-a de Septembro 1939, sonis la horo de unu el la plej abomenaj formoj de teroro iam ajn aperintaj en la mondo: naziaj trupoj invadas Pollandon, sieĝas Varsovion, kaj, kiel rezulto el aviadila bombardo, estas tute detruita la domo ĉe strato Krolewska 41, en kiu loĝis Sofia, Lidja kaj D-ro Adamo kun ties edzino Wanda kaj filo Ludoviko.

Ili transloĝiĝas al la domo de gesinjoroj Henriko kaj Janina Minc, kiu estis fratino de D-rino Wanda.

La 28-an de Septembro 1939, nazioj arestis Adamon en la Juda Hospitalo, kie li funkciis kiel ĉefdirektoro. Ankaŭ estis arestitaj D-rinoj Wanda kaj Sofia, Lidja kaj D-ro Henriko Minc. La virinoj estis poste liberigitaj. En poŝtkartoj senditaj al S-rino Julia Isbrucker, el Nederlando, Lidja sciigas ke "pri Adamo mankas iaj ajn informoj. Ŝi neniam sciis, ke Adamo estis murdita per pafo en la nukon ĝuste en la datreveno de ŝia naskiĝo, la 29-an de Januaro 1940.

En Aŭgusto 1942, Sofia, Wanda kaj Ludoviko estas denove arestitaj. La nazioj ilin sendas, en porbesta vagonaro, al la ekstermejo Treblinka. Wanda sukcesas eskapi kun Ludoviko, sed Sofia, kredante, ke la vagonaro portos la judojn al la orientaj provincoj de Pollando, kaj dezirante ankoraŭ helpi aliajn homojn kiel kuracistino, veturas al la morto en gaskameroj.

Post du monatoj, Lidja sekvas sian fratinon en la senrevena vojaĝo al Treblinka, kie ŝi, jam travivinte la ĉiutagan, sisteman humiligadon en la Varsovia getto, ricevis la kronon de martireco per same humiliga morto en gaskamero.

Lidja postlasis sekvendajn lecionojn al ni, esperantistoj. En ŝia memo nenian konflikton starigis la kunekzisto de religia kredo kaj aparteno al pozitive neŭtrala Esperanto-Movado, ĉar, kiel ŝia patro, ŝi sciis, trans ĉiaj supraĵaj aspektoj, klare rigardi la plenan harmonion inter la esencoj de la idearoj. Memkompreneble, same kiel ŝia patro, ŝi rikoltis la amaraĵojn, per kiuj ĉiaspecaj etmensuloj prisemas la vojon de la grandaj animoj.

Helpe de ŝia nobla kredo, ŝi ankaŭ postlasis la ekzemplon de rezignema submetiĝo al Dio kaj Ties nesondeblaj decidoj, kvankam ŝi ĉiam tute sentime alfrontis, kontraŭatakis, vipis la manifestiĝojn de la mallumaj fortoj, sub kies bestia potenco ŝi faris la plej grandan oferon, nome la oferon de la propra vivo.

Isaj Dratwer, aŭtoro de la biografio, el kiu ni ĉerpis plejmulton por nia parolo, tiel finas sian kortuŝan tekston:

*"Bedaŭrinde, tre mallonga estis la vivo de Lidja, la plej juna kaj kara infano de la granda kreinto de la lingvo internacia. Entuziasme kaj fervore ŝi agis por disvastigi la ideojn kaj idealojn de sia amata patro; ŝi ankaŭ kredis, ke la nova religio alportos savon al la turmentita homaro. Nobla, bonkora, altanima, idealismoplena, servopreta estis Lidja Zamenhof, kiu meritas indan lokon en la Esperanta Panteono.*

*Honoron al ŝia Memoro!"*

* Affonso Borges Galego Soares

**Konsultitaj verkoj**: Historio de Esperanto - Léon Courtinat -1964; Lidja Zamenhof - Vivo kaj Agado - Isaj Dratwer (Stafeto - 1980); Perloj de l' Saĝo - Kompilaĵoj el Skriboj de Bahá-ù-lláh (Bahaa E-Ligo -1994); Kiel mi kredis - Lidja Zamenhof (Hejmpaĝo de Bahaa E-Ligo - traduko el anglalingva teksto de 1938); La Danĝera Lingvo - Ulrich Lins (Bleicher Eldonejo - 1998); Zamenhof - Aŭtoro de Esperanto - Marjorie Boulton (Stafeto - 1962); Enciklopedio de Esperanto - (Hungara Esperanto-Asocio - 1979); Esperanto en Perspektivo - Ivo Lapenna (Universala Esperanto-Asocio kaj Centro de Esploro kaj Dokumentado - 1974).

**Machu Pichu**, *inkaa urbo agnoskita de UNESKO kiel Propraĵo de la Homaro, eltrovita de arkeologo Hiram Bingham en 1911. Starigita en* **La Quebrada**, *perua montara regiono de averaĝa altitudo inter 2 300 kaj 3 600 metroj, prezentanta montopintojn de pli ol 5 000 metrojn alta. Ĝi estas enigma urbo. Oni ne scias ĝis nun ekzemple ĝian devenon, la kialon resti tiom longe anonima kaj kio motivigis ĝian konstruadon sur montaro tre kruta, kiu prezentis seriozajn alir- kaj labor-malfacilecojn, postulanta superhomajn klopodojn. Oni scias, ke* **Machu Pichu** *plenumadis rolon gravan en Imperio kaj ĝiaj loĝantoj - la Virgulinoj de la Suno kaj iliaj gardantoj - enhavis reĝan sangon.*

*Iliaj konstruaĵoj estas starigitaj pere de blankaj granitoj, kaj la urbo, protektita de murego. La konstruaĵaj tegmentoj estas tre krudaj pro pluv-intenseco. La urb-aliro tre malsimilas la nunajn uzatajn de la turistoj. La suprenirado ebladis pere de ŝtuparo kun 3 000 ŝtupoj, kies unua trafebla konstruaĵo estis militturo.*

*Nia ĵurnalisto Emerson estis tie kaj li havis la oportunon kontroli ke, el diversaj mirindaĵoj, malgraŭ ĉiajn okcidentajn influojn suferitajn post la hispana konkero, multe da anda prakolombia kulturo estas konservata. Ni povas ankoraŭ nuntempe trovi tipajn kostumojn, vegetalajn speciojn kiel multnombraj majzo-specoj kaj batatoj, kaj tiu regionaj bestoj kiel lamoj.*









# Oficialaj Komunikoj

## Elektado de nova BEL-estraro

La elektado okazos kadre de 39-a BKE. La interesatoj konsistigi nomaron devas eklabori cele tion. Ĝis nun neniu sin prezentis kiel kandidato.

## Revuo "Brazila Esperantisto"

Carlos Maria redaktoros la revuon ĝis la 39-a BKE. La estonta estraro devas pensi pri kiu aŭ kiuj anstataŭigos lin.

## TTT-ejo de BEL

BEL, post treege ĝenaj klopodoj, sukcesis aperigi sian TTT-ejon. Ĉu tute preta kaj tute perfekta? Kompreneble, ne. Ĉu sufiĉe informema? Trankvile ni povas respondi: jes.

La estraro opinias ke ttt-ejo devas esti dinamika kaj perfektebla. Do, oni devas ĉiam aktualigi ĝin kaj kalkuli kun la helpo de la tuta esperantistaro por ĝin perfektigi.

## Pliaj opcioj por BEL-membreco 2004

Surbaze de ricevitaj sugestoj kaj komentoj, inkluzive dum la lasta nacia kongreso, BEL-estraro kreis por membriĝo al Brazila Esperanto-Ligo la jenajn opciojn: SN2, SN3 kaj SIJ.

Rajtas membriĝi laŭ "SN2 – Sócio Novo 2 (Nova ano 2)" tiuj, kiuj iam estis "SN – Sócio Novo (Nova ano)" kaj ne remembriĝis laŭ iu ajn kategorio. La celo de tiu opcio estas ebligi plian membriĝon kontraŭ pli favora jarkotizo, ĉar estas relative granda la salto inter la prezoj de "SN" kaj tiu de la ordinara opcio "SI".

La opcio "SN3 – Sócio Novo 3 (Nova ano 3)" – kiu funkcios nur ekde 2005, kompreneble – estas plia ŝtupo, kaj rajtas uzi ĝin tiuj, kiuj iam estis "SN2" kaj same ne remembriĝis laŭ iu ajn kategorio.

"SIJ" estas destinita al homoj ankoraŭ ne 30-jaraĝaj. Ĉu BEL konkurencos kun BEJO (Brazila Esperantista Junulara Organizo) pere de tiu opcio? Al tiu supozo farita de kelkaj, BEL-estraro klarigas:

- "SIJ" anstataŭas la opcion "SE-Sócio Estudante (ano-lernanto)", kiu validis dum multaj jaroj;
- junuloj, kiuj volis membriĝi al BEL en 2002 plendis ĝuste pro tio, ke oni forigis la opcion "SE";
- la aliĝilo por BEL-membreco enhavas, ankaŭ, ĉiujn opciojn por membriĝo al BEJO;
- ĝis nun tiuj, kiuj membriĝis al BEL laŭ opcio "SIJ", samtempe membriĝis al BEJO;
- junaj BEJO-membroj rajtas pli ol "SIJ-membroj" de BEL, nome 75% da rabato en la enskribo por la nacia kongreso kaj ricevo de du <u>**revuoj**</u> (Brazila Esperantisto, de BEL, kaj Momenton, de BEJO);
- BEL daŭre plenumas servojn por BEJO – peradon de jarkotizoj, monĝirojn, gardon de sekretariaj dokumentoj k.a;
- fine, kaj ne malpli grava, la rilatoj inter la du estraroj glate marŝas.

## Konkurso Novaj Talentoj 2003 - Rezulto

Laŭ la juĝa komisiono neniu verko plenumis la minimumajn necesajn kondiĉojn por enviciĝi la tri unuajn lokojn. Tamen dankeme BEL donacis al la konkurintoj po 1 ekzemplero de la verko ***Kanaano***, de Graça Aranha.



## Forpaso Amaro Pinangé Soares

(06/03/1919 - 17/01/2004)

Longtempe membro de Pernambuka Esperanto-Asocio, de Brazila Esperanto-Ligo kaj Universala Esperanato-Asocio, tre aktive loke kaj naci-nivele, forpasis la 17-an de Januaro, en Recifo, ĉefurbo de la brazila ŝtato Pernambuco, la samideano Amaro Pinangé Soares. Fakdelegito pri presejo, dum kelkjaroj prezidis la ŝtatan asocion kiam fariĝis profesoro de la lingvo kaj sindediĉa membro. Elstara kaj pionira aktivulo de Esperanto en Recifo kaj Nordoriento, li fariĝis esperantisto ekde juneco. La esperanta-movado landa kaj loka longe bedaŭros lian forpason.



# Maceió

## La urbo

Maceió devenas de la nomo Massaió, kiu estis fabriko de kansukero, kie nun staras la ĉefpreĝejo, ĉe la Placo Petro II. La 5-an de decembro 1815 ĝi fariĝis vilaĝo pro sia disvolviĝo kaj en la 9-a de decembro 1839 Maceió iĝis la ĉefurbo de la ŝtato Alagoas.



Kun pli ol 800.000 loĝantoj, kaj areo de 510 km2, ĝi estas konata kiel "Akva Paradizo" kaj ĝia ekonomio baziĝas je komerco, turismo kaj eksportado de kansukero.



Fotoj: Interreto

Belaj plaĝoj, riĉaj je kokosarboj, suno preskaŭ la tutan jaron, popolo gastama, jen kio atendas vin en Maceió.

Vespere, promeni ĉe la marbordo de Pajusara, Ponta Verde kaj Jatiuka estas la preferata distriĝo de la loĝantoj kaj turistoj, kiuj gastas ĉe la hoteloj apudaj. La marbordo estas plena je trinkejoj kaj manĝejoj kie muzikistoj sinprezentas. Krome, oni trovas ankaŭ foirojn de manartaĵoj, galeriojn, ekspoziciejojn kaj koncertejojn.

## La Movado

Oni diras, ke Graciliano Ramos estis unu el la pioniroj en Alagoas, instruante la lingvon en sia loĝloko "Palmeira dos Índios". Tamen, AAE-Alagoana Asocio de Esperanto ĝis nun ne trovis dokumenton, kiu pruvus tiun aserton. Ĉe AAE estas certa la nomo de Paulino Santiago, kiu unue instruis kaj disvastigis E-on en la unua duono de la pasinta jarcento (XX jarcento). Sed nur en la 28-a de januaro 1971, pro la meritoj de kelkaj samideanoj, precipe de la Kolonelo Francisco Alves Mata, estis fondita AAE, post okazinta E-kurso kiu allogis pli malpli 500 homojn. AAE estis oficialigita en 1978 kaj ĉar ĝi ne havas propran sidejon, nuntempe ĝi funkcias en ĉambro de la Universitata Kulturdomo (Espaço Cultural da UFAL), ĉe placo Sinimbu en la urbocentro.

AAE jam organizis nacian kongreson, nome la 24-a BKE en 1988 kaj du regionajn renkontiĝojn (1992 kaj 1994). Ĝi ankaŭ kunlaboris en la UEA-standoj kadre de Rio 92 (Ekologia UN-Konferenco). Krome, ĝi estis reprezentata, fare de siaj anoj, en 5 UK-oj, kaj pluraj naciaj, junularaj, internaciaj kaj regionaj eventoj.

En la jaro 1990 ĝi fondis la E-Centron de UFAL, kiu funkciis ĝis la jaro 1996.

Nun Maceió havas la honoron gastigi la 39-an BKE kaj la 24-an BEJK. Estu Bonvenaj! Maceió kaj la alagoana esperantistaro elkore atendas vin!

Rio de Janeiro

## 16-a Renkontiĝo de okcidenta regiono




*La 23-an de novembro EKOR (Esperanta Kunfratiĝo de Okcidenta Regiono) okazigis sian 16-an Renkontiĝon en la kvartalo Campo Grande (Rio de Janeiro), kiam 190 homoj diskutis la temon de la Renkontiĝo: "Esperanto kaj Arto".*

*Laŭ informoj senditaj de EKOR-estraro.*

São Paulo

## Eksterordinara Asembleo de BEJO




*En la 17-a de Aprilo BEJO - Brazila Esperantista Junulara Organizo - okazigos Eksterordinaran Asembleon en la sidejo de EASP - Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (strato Faustolo, 124 - São Paulo). La celo estas prezenti la nunan administran kaj financan situacion kaj pridiskuti la estontecon kaj la statuson de la Organizo, pli detale organizi la 24-an Kongreson de BEJO - 2004 en Maceió kaj instigi la formadon de kandidataj listoj por la nova estraro, kiu elektiĝos en Julio dum la Kongreso.*

*Laŭ informis Ísis Okabe Piton*

Belo Horizonte

## 1-a Brazila Socia Forumo

*De la 6-a ĝis la 8-a de novembro 2003 okazis en Belo Horizonte la 1-a BSF (Brazila Socia Forumo). Esperanto estis tie. Societo Esperantista de Minas Gerais reprezentis BEL-n ĉe la evento. Tiam la reprezentantoj disdonis 3.000 faldfoliojn pri Esperanto. Ĉar la medio estis sufiĉe akceptema al ideo pri respekto al la malplimultoj, la delegitaro enmetis tiumedien, naturmaniere, la demandon pri respekto al la lingvaj minoritatoj. Estis realigitaj du prezentadoj pri Esperanto. Tiam oni pritraktis la temojn: kio Esperanto estas; ĝiaj celoj; organiza strukturo de la movado; kie havigi al si informojn ktp., kiuj estis bonege akceptitaj de la ĉeestantoj. Por tio, nepris la partopreno de la enskribitaj delegitoj: Ivan Miranda Pereira kaj Francisco José da Silva. Tiuj kunlaborantoj partoprenis aktive en la malferma piedirado, je la 6-a de Novembro kaj en la servoj de la tagoj 7-a, 8-a kaj 9-a Nov. Laŭ opinio de la esperanta delegitaro forume engaĝitaj, oni povas taksi la eventon mez-kvalita, ĉar la disvastigado kaj la gazetara ĉeesto ne estis kontentigaj. Krome la delegitaro rimarkis mankojn rilate la ĝenerala organizado de la evento, sed averaĝe la bilanco estis pozitiva, ĉar ni opinias necese, pli kaj pli, engaĝigi Esperanton pli partopreneme en la komunuma agado.*




*Laŭ informis Carlos Alberto Monteiro Leitão*

# Profilo de la brazilaj legantoj

Aymoré Vaz Pinto kaj Luciano B. da Silva

Celante koni la profilon de la brazilaj legantoj, aŭ la literaturaĵojn kiuj plej allogas la intereson de la brazilanoj, ni analizis la rezulton de la librovendado dum la Brazila Kongreso de Esperanto 2003, konsiderante la kvanton da libroj venditaj laŭ titoloj kaj enhavtemoj.

La temojn ni elektis laŭ la Esperanto-Katalogo de UEA, sed kun kelkaj etaj modifoj.

La temo "didaktiko" ampleksas lernolibrojn, gramatikojn, vortarojn kaj legaĵojn por komencantoj. "Romanoj" ampleksas ankaŭ la rakontojn. La temo "scienco" enhavas plurajn subtemojn kiel teknologio, medicino, arkitekturo, nutrado, aeronaŭtiko kaj aliaj.

Ĉar kutime, dum kongreso oni ofte malaltigas prezojn de multaj libroj, aperas do la dubo: ĉu la libro aŭ la prezo estis pli alloga?

Ni klopodas respondi tiun dubon per komparo de la vendoj dumkongrese kun tiu de la periodo januaro ĝis aŭgusto 2003 okazinta en la sidejo.

**Tabelo 1: 20 plej venditaj**

| | |
|---|---|
| 1- O desafio das línguas | 11- Doutor Esperanto |
| 2- Zamenhof o iniciador do E-o | 12- Ellernu |
| 3- Minicurso de Esperanto | 13- Esperanto conversacional |
| 4- Esperanto para principiante | 14- Essência e futuro da idéia de... |
| 5- Gramática completa do E-o | 15- Nova plena ilustrita vortaro |
| 6- Aprenda Esperanto - Zagreb | 16- Vocabulário Carlos Domingues |
| 7- Internacia ekzameno ILEI-UEA | 17- Vocabulário para Gerda |
| 8- Reaĉões psicológicas ao E-o | 18- Pluraj vibroj |
| 9- Gerda malaperis! | 19- La Genezo |
| 10- Vasta la mondo, multas laboro | 20- Teatro - Machado de Assis |

## Rezultoj kaj komentoj

Dumkongrese ni vendis 1527 librojn. La dudek plej venditajn titolojn ni enlistigis en la tabelo 1.

En tiu tabelo 10 titoloj estas lernolibroj, precipe por komencantoj kaj ankaŭ por mezgraduloj, fakto kiu povas indiki: 1) la brazilaj esperantistoj emas studi kaj plibonigi sian lingvokapablon; 2) en la movado estas multaj komencantoj, des pli ke plimultis la vendado de baznivelaj libroj ol mezgradaj kaj superaj ; 3) ĉe ni oni bone varbas por novaj esperantistoj, kaj ne bone instigas la daŭrigon de la lernado cele al perfektiĝo, ĉu pro manko de diversaj naciaj didaktikaj lerno-materialoj, ĉu pro manko de taŭgaj propagandoj fare de BEL.

Bone elstaras en la listo libroj pri la vivo de la kreinto de la lingvo, kiel "Zamenhof iniciador do Esperanto", kaj "Doutor Esperanto". Same pri libroj kun solidaj argumentoj favore al la ideo de la internacia lingvo, kiel "O desafio das línguas", "Essência e futuro da idéia de uma língua internacional" kaj "Reações psicológicas ao Esperanto". Elstaris ankaŭ inter la plej venditaj, la nova religia libro en Esperantio "La Genezo" de Allan Kardec, laŭ kompetenta traduko de Affonso Soares, kaj la poezia libro "Pluraj vibroj" de Manoel Borges dos Santos, kiu majstre scias surpaperigi tion, kio vibrigas lian senteman poetan animon. (Vendorezultojn laŭ temoj oni vidas en la bildo 1).

Bildo 1.. Venditaj libroj laŭ temoj (Grafikaĵo)




La listo de didaktikaj libroj enhavas entute 484 ekzemple-

rojn kaj enkapigas ĝin la verko "Minicurso de Esperanto" (Jair Salles). Sekvas la verko "Esperanto para Principiantes" (Aloisio Sartorato) kaj "Gramática Completa de Esperanto" (Geraldo Mattos). (Tab. 2).

FONTO jam eldonis bonegajn librojn kaj de la brazila kaj de la monda literaturo. Tio estas vero ne nur pri romanoj, sed ankaŭ pri la ceteraj temoj, kiel antologio poezia, didaktikoj, klasikaĵoj, sciencoj, bibliaj li-

**Tabelo 2: Dek el la plej venditaj**

| | |
|---|---|
| 1- Minicurso de Esperanto | *Jair Salles* |
| 2- Esperanto para principiante | *Aloísio Sartorato* |
| 3- Gramática completa do E-o | *Geraldo Mattos* |
| 4- Internacia ekzam. de ILEI-UEA | *ILEI-UEA* |
| 5- Aprenda Esperanto - Zagreb | *Zagreb* |
| 6- Vocabulário Carlos Domingues | *Carlos Domingues kaj Sylla Chaves* |
| 7- Ellernu | *F. Szilagyi* |
| 8- Esperanto conversacional | *Jair Salles* |
| 9- Vocabulário para Gerda | *Claude Piron* |
| 10- Nova plena ilustrita vortaro | *UEA* |

**Tabelo 3: La dek romanoj plej venditaj dumkongrese. Titolo/eldonejo**

| |
|---|
| 1- Gerda malaperis (*Fonto*) |
| 2- Metamorfozo (*Fonto*) |
| 3- La Profeto el Pedras (*Fonto*) |
| 4- Horo kaj vico de A. Matr. (*Fonto*) |
| 5- Vere aŭ fantazie (*Fonto*) |
| 6- Vivoj sekaj (*Fonto*) |
| 7- Antaŭ du mil jaroj (*FEB*) |
| 8- En ombro kaj en lumo (*FEB*) |
| 9- Feliĉaj la simplaj (*FEB*) |
| 10- Kobo (*FEL*) |
| *FEB* = Federaç ão Espírita Brasileira; *FEL* = Flandra Esperanto-Ligo |

"Minicurso de Esperanto", "Vocabulário Carlos Domingues" kaj "Nova Plena Ilustrita Vortaro", elĉerpiĝis en kongresa stoko. Pro tio la vendado ne estis pli signifa.

El la dek plej venditaj romanoj, la unuaj ses titoloj estis eldonitaj de Fonto. Tiu fakto, ankoraŭfoje konfirmas la emon de la esperantista publiko legi Fontajn librojn. Kompreneble,

broj, inter aliaj. Por ne longigi laŭdaron ni rememoras ke FONTO jam ricevis premion Grabowski de UEA kaj premion Fame Fondaĵo pro siaj bonaj laboroj favore al esperanta kulturo. En la listo sekvas la romanoj eldonitaj de Brazila Spiritisma Federacio, kun "Antaŭ du mil jaroj" tradukita de la akademiano L. C. Porto Carreiro Neto. Reliefindas ke ĉiuj

tradukoj de Porto Carreiro Neto, ricevis laŭdojn kiuj aperis en famaj revuoj kaj ĵurnaloj, kiel "Franca Esperantisto", "Heroldo de Esperanto", "The British Esperantist", "Esperanto", "La Praktiko", "Sennaciulo".

## Vendorezultoj en la sidejo

La libroservo vendis 2000 librojn el 440 titoloj, en sidejo

de BEL, de Januaro ĝis Aŭgusto 2003. Rimarkinde, ke dumkongrese oni vendis pli da titoloj ol tiuj venditaj en la sidejo de BEL, t.e., la rilato de titoloj kaj ekzempleroj venditaj dumkongrese estas 0,44. Ĉe Ligo tiu rilato estas 0,22. Konkludo: Dumkongrese oni vendas pli da malsamaj titoloj. Certe pro la fakto ke ĉi-kaze, oni vidas la librojn, tuŝas ilin kaj povas elekti inter pluraj eblecoj.

Ordigante la librojn laŭ la plej venditaj, oni rimarkas similajn rezultojn kiel tiuj de la kongresa disvendado, t.e. el la 20 plej venditaj titoloj duono temas pri didaktiko. El la 10 plej venditaj romanoj, 7 estas eldonaĵoj de FONTO, 2 de FEB kaj 1 de BEL. (Tab 4)

**Tabelo 4: 20 plej venditaj en BEL-sidejo**

| | |
|---|---|
| 1- Esperanto para Principiante | 11- Gerda Malaperis |
| 2- Vocabulário Carlos Domingues | 12- Mirinda Vojaĝo |
| 3- Gramática Completa de E-o | 13- Vere aŭ Fantazie |
| 4- As Preposições em Esperanto | 14- Paŭlo kaj Stefano |
| 5- Esperanto Conversacional | 15- Kanaano |
| 6- Vortstrukturo en E-o | 16- La baptofilino |
| 7- Esperanto sem Mestre | 17- Facila Skeĉalbumo |
| 8- Dicionário Completo E-o/Port | 18- Antaŭ du mil jaroj |
| 9- Unuaj Paŝoj | 19- La Oldulo kaj la Maro |
| 10- Vocabulário para Gerda | 20- Ili kaptis Elzan |

La liston de didaktikaj libroj venditaj ĉe Ligo, entute 1.383, enkapigas la libro "Esperanto para principiante" de Aloisio Sartorato, eldonita de Brazila Esperanto-Ligo. Sekvas la libro "Vocabulário Esperanto-Port/ Port/ Esperanto" de Carlos Domingues, kun suplemento de Sylla Chaves, ankaŭ eldonita de Brazila Esperanto-Ligo, kaj "Gramática Completa do Esperanto", de Geraldo Mattos, eldonita de FONTO. En la 5-a rango aperas la libro "Esperanto Conversacional" de Jair Salles.

Post komparo de la vendorezultoj dumkongrese kaj en la sidejo ni povas konkludi ke:

• Didaktikaj libroj reprezentas pli ol duono de la vendoj de BEL.

• Krom lerni Esperanton, sin distri kaj perfektigi pere de romanoj, la aĉetantoj ŝatas ankaŭ legi religiajn, poeziajn kaj sciencajn librojn.

• La ĉampionaj aŭtoroj estas: Aloisio Sartorato, Jair Salles kaj Geraldo Mattos. Ili ĉiuj verkis didaktikajn librojn.

• Inter la plej vendataj romanoj, ankoraŭfoje "Gerda malaperis" furoris kaj okupis la unuan rangon en la listo. Tuj sekvis "Mirinda vojaĝo de...", "Vere aŭ Fantazie" kaj "Paŭlo kaj Stefano".

• Mankas niaflanke serĉi inter la didaktikaj kaj lingvistikaj libroj la plej taŭgajn por mezgrada kaj supera niveloj, kaj disponigi ilin al la esperantistoj, kiuj jam regas la bazan nivelon, por stimuli la daŭran lernadon. E

Kongreso

# 39-a Brazila Kongreso de Esperanto

La kongresoj pri Esperanto estas vera festivalo pri arto kaj kulturo. Ankaŭ ĝi estas feliĉa ŝanco de turisma promeno.

39-a BKE estos ĉi tio. Krom la diskutado pri la ĉefa temo, nome "Esperanto en Lernejo", la kongresanoj ĝuos la Maceió-allogaĵojn. Pajusara, Ponta Verde kaj Jatiuka estas apenaŭ kelkaj el ili, kiuj atendas vin en julio.

## Kongresejo de la 39-A BKE

La Kongresejo estos ĉe FEJAL / CESMAC (Fundação Educacional Jayme de Altavila / Centro de Estudos Superiores de Maceió). Adreso: Strato Cônego Machado, 918 – Farol – CEP 57021-160 – Maceió, ALAGOAS.

TTT-ejoj: *www.fejal.br* ; *http://www.fejal.br/mapa_dos_centros.php* (mapo – konstruaĵo 7).

Pliajn informojn oni povas peti de: Aristóphio Alves Filho perrete: *esperantomaceio@click21.com.br*; *ariknubxxi@ig.com.br*

Kie plie legi pri la 39-a BKE?

Brazila Esperanto-Ligo
*http://www.esperanto.org.br*;
*http://www.esperanto.org.br/eventos.php*;
Plena Kalendaro de Esperanto-Aranĝoj, 2004
*http://www.esperanto.hu/eventoj/2004.htm*;
Esperantoland.de
*http://www.esperantoland.org/renkontighoj/mapo.php?mapo=7#datlisto*
Aliaflanko: kalendaro
*http://www.aliaflanko.de/bavelo/bavkalender/index.html*
esperanto4all.narod.ru (en la rusa lingvo)
*http://www.esperanto4all.narod.ru/brazil.htm*

BEL ĉimomente jam faris la aliĝon de 234 kongresanoj.

Jen la tabelo de ĉiuj aliĝintoj al la 39-a BKE laŭ federaciaj ŝtatoj:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AC | 0 | ES | 5 | PB | 0 | RR | 0 |
| AL | 14 | GO | 2 | PE | 6 | RS | 7 |
| AM | 0 | MA | 0 | PI | 4 | SC | 6 |
| AP | 0 | MG | 35 | PR | 3 | SE | 0 |
| BA | 14 | MS | 2 | RJ | 41 | SP | 37 |
| CE | 15 | MT | 1 | RN | 18 | TO | 0 |
| DF | 23 | PA | 0 | RO | 0 | Eks* | 1 |
| Kvanto da aliĝintoj ĝis la 29-a de marto 2004: 234 | | | | | | | |

Kategorioj: Ktg 1 - 150; Ktg 2 - 20; Ktg 3 - 1; Ktg 4 - 45; Ktg 5 - 0; Ktg 6 - 18.
Komuna loĝejo - 58; veg - 32; ekskurso - 76.

Eks* ➲ eksterlandanoj ne loĝantaj en Brazilo
Sumo de la kotiz-valoroj ricevitaj : R$ 9.645,00

Opinio

# IDEOJ POR LA BRAZILA ESPERANTO-MOVADO

*(Kvara artikolo el serio de kvin). La ideoj entenataj en ĉi tiu artikolo kaj en la sekvonta, ne celas kiun ajn personon, sed nur la bonon de la movado.*

Euclydes Geraldis de Carvalho*

## Lukto de forlasenda

La natura celo de la esperanto -movado en la tuta mondo, dum la tuta tempo, estas la disvastigo de la lingvo. Unu el la rimedoj por tio estas la enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Nuntempe ni laboras kaj laboras en la movado, organizas kursojn kaj kursetojn de kelkdekoj da lernantoj, kaj tion ni anoncas ĝoje. Sed kio estas tiu kvanto kompare kun la pli ol 36.000.000 lernantoj de nia lando, nur de la fundamentaj klasoj (gimnaziaj), sen paroli pri tiuj de la mezaj (kolegiaj) kaj ankaŭ de la vesperaj de kiu ajn speco? Kiam tiuj lernantoj vidos ke ekzistas lingvo plena de kvalitoj, pli facile lernebla ol la aliaj, kaj, se valida por la poreniraj ekzamenoj al la fakultatoj, multaj el ili volos studi tiun lingvon. Oni serĉu, do, la Nacian Kongreson, kaj oni pledu por la enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Se neoj estos diritaj al ni, almenaŭ ili taŭgos por montri al ni la vojojn sekvindajn. Sed iun tagon ni aŭdos la revan jeson.

*Emerita instruisto kaj lernejestro



## El Nia Leterkesto

***Frueco – grandeco – riĉeco - balotado - ktp***

Bonorde mi ricevis la lastan numeron (325) de BRAZILA ESPERANTISTO. Analizlegante ĝin oni konstatas ke fakte ĝi meritas multe pli; tio estas, ĝia enhavo estas iom malriĉa, malgranda, fronte tiom da problemoj interesaj kadre de nia Esperanto-movado. Mi ne estas virtuala esperantisto (dank'al Dio!) kaj mi valorigas surpaperaferojn... de nia kara lingvo Esperanto. 20 paĝoj por trimonata informilo estas tre malmulte, ĉu ne? Nia Esperantujo abundas je problemoj kaj aferoj. Oni ne komprenas ke kristnaskan mesaĝon oni legas nur JANUARE... kiam jam finiĝis la festoj, la kisoj, la manprenoj, la manĝaĵoj, la brakumoj ktp ktp.

Pri la nova estraro de BEL elektota en Maceió, se mi povus mi kandidatiĝos... Mi sugestas nun starigi en tiu revuo sekcion pri leteroj, kritikoj de la samideanoj por pli bone diskonigi aferojn nekonatan de la esperantistaro. Fakte tiu devizo estas aktuala: NI LABORU KUNE.

"Parolu malbone. Sed parolu pri mi..." Pripensu ni tion.

*Daniel Pereira Luz*
*(UEA-delegito)*

***Noto de la redaktoro***: La kolumno EL NIA LETERKESTO aperas laŭbezone ĉiam, kiam publikinda letero alvenas la redakcion kaj estas revuspaco por tio. La demandoj pri akurateco, grandeco, enhav-riĉeco ktp estas sopiroj de BEL-estraranoj kaj tutcerte de ĉiuj esperantistoj. Ankaŭ la redaktoro sopiras ke iam ĉiuj glate funkciu. Pri apero de nomaro por kandidatiĝi al BEL-estriĝo, bedaŭrinde, ĝis tiam, kiam ĉi tiuj linioj estis skribataj, ne okazis.

***ENIGMO***

## *Kriptogramo*

Jen facila, amuza, interesa kaj instrua VORTLUDO: Jen la maniero facile solvi ĝin: Unue observu ke sube kaj dekstre troviĝas kvadratetoj, kelkaj kun numeroj ene de ili. Aliflanke, sube sed maldekstre, videblas difinoj. Post la korekta solvo de tiuj difinoj, ekaperos ene de la pli reliefaj kvadratetoj, literoj per kiuj oni formos la nomon de la plej fama lingvisto el la mondo. Numeroj egalaj, literoj ankaŭ egalaj. Por faciligi, malsupre (piedpaĝe), troviĝas numerlitertabelo kiun oni povas konsulti, sed spertuloj kaj daŭrigantoj ne bezonas konsulti tiun tabelon, mi kredas. Ek al la cerbumado senprokraste, kaj certe vi pligrandigos vian konon pri la lingvo. ***José Saraiva Matos***

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 01 | "Malrapide moviĝanta, malema al ekzerciĝo..." | 01 | | 12 | 8 | 19 | 13 | 10 | 11 | 12 |
| 02 | "Turmentege mortigi iun, sidigante lin sur..." | 02 | 18 | | 7 | 16 | 6 | 2 | 15 | 16 |
| 03 | Bizanco. | 03 | 17 | 16 | | 12 | 8 | 4 | 16 | 10 |
| 04 | Meti en embarason. | 04 | 21 | 15 | 17 | | 11 | 12 | 6 | 16 |
| 05 | Tenadi ies atenton, vekante scivolon. | 05 | 16 | 8 | 4 | 21 | | 21 | 6 | 16 |
| 06 | "La edzino de Odiseo, kiun ŝi fidele kaj..." | 06 | 18 | 21 | 8 | 21 | 7 | | 18 | 12 |
| 07 | "Aldoni senefikan, malbonkvalitan elementon..." | 07 | 12 | 5 | 2 | | 4 | 21 | 4 | 16 |
| 08 | "Aparato por aliformigi la distribuon..." | 08 | 5 | 16 | 14 | | 22 | 16 | 7 | 10 |
| 09 | "Troviĝanta sub fremda regado, kaj deziranta..." | 09 | 16 | 11 | 21 | | 21 | 8 | 4 | 12 |
| 10 | Fari, ke iu aŭ io laboru. | 10 | 7 | 12 | 17 | | 11 | 16 | 19 | 16 |
| 11 | "Metala aŭ leda ujo, en kiun oni enmetas..." | 11 | 19 | 7 | 12 | | 16 | 8 | 19 | 10 |
| 12 | Rilata al Jupitero. | 12 | 3 | 2 | 18 | | 4 | 21 | 11 | 12 |
| 13 | "Apofizo de la supra ulna ekstremaĵo..." | 13 | 10 | 7 | 21 | | 11 | 12 | 8 | 10 |
| 14 | Fari ion vaporo. | 14 | 13 | 12 | 18 | | 11 | 16 | 19 | 16 |
| 15 | Zooforma. | 15 | | 10 | 10 | 15 | 10 | 11 | 14 | 12 |
| 16 | "Spektaklo konsistanta el diversaj, inter si..." | 16 | 13 | | 11 | 16 | 21 | 4 | 21 | 10 |
| 17 | "Prezentanta la popularan formon de la..." | 17 | 5 | 21 | | 10 | 4 | 16 | 20 | 12 |
| 18 | "Eco de doktrino kontraŭa al la dogmo aŭ..." | 18 | 1 | 21 | 11 | | 22 | 21 | 9 | 10 |
| 19 | "Prezentanta la formon de la lingvo, parolata...," | 19 | 11 | 10 | 15 | 12 | | 16 | 20 | 12 |
| 20 | "Maŭra palaco en Granado, fama..." (Inv) | 20 | 10 | 11 | 17 | 15 | 12 | | 7 | 12 |
| 21 | Ano el nomada araba gento. (PL) | 21 | 17 | 21 | 5 | 2 | 21 | 8 | | 3 |
| 22 | Doni la francan karakteron al. (Inv) | 22 | 16 | 19 | 16 | 9 | 8 | 12 | 11 | |

| 01 | 02 | 03 | 04 | 05 | 06 | 07 | 08 | 09 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| H | U | J | T | D | S | L | N | C | O | R | A | V | F | M | I | B | P | G | K | E | Z |

***RIMARKO1:* - INV (interparenteze), indikas ke la vorto estas inversigita.**

***RIMARKO2:* - PL (interparenteze), indikas ke la vorto estas en pluralo.**




39º Congresso
Brasileiro de Esperanto
18 a 22 de julho de 2004
Maceió - Alagoas



6º TAKE- Congresso
das Américas
21 a 27 de março de 2004
Havana - Cuba

Brazila Esperanto-Ligo



Brasília, dezembro de 2003

Estimados,

No início do novo ano, a diretoria da Liga deseja tecer algumas considerações sobre a eleição da nova diretoria, a ser realizada durante o próximo congresso, em Maceió (AL), no mês de julho.

Como já foi divulgado na revista "Brazila Esperantisto" – edição nº 324, jul/set -, o editorial intitulado "Ni parolu pri balotado" abordou o curto período de alguns meses, após o que encerraremos o atual mandato, conforme se lê no Artigo 37 do Estatuto da Liga. E é o mesmo Estatuto que determina o direito de todos os membros da nossa instituição votarem e serem votados, inclusive reeleitos, desde que respeitado o número de vezes em que foram eleitos como diretores.

Ora, na atual diretoria poucos poderão ser reeleitos, uma vez que há aqueles que permanecem por mandatos sucessivos, fato que os impede de continuar no corpo diretor. Acontece que, além da exigência estatutária, há também outros fatores como o não desejo de alguns outros componentes desta diretoria de exercerem novos mandatos, na eventualidade de uma reeleição. E dentre estes estão o presidente Lício de Almeida Castro, o vice-presidente (e redator da revista) Carlos Maria e a segunda tesoureira Maria das Dores Góes. O primeiro tesoureiro José Carlos Dorini Ramos é um dos impedidos legalmente pelo Estatuto e, também, já manifestou sua intenção de não assumir nenhum cargo, por motivo de saúde de sua genitora. Quanto aos secretários, os cargos estão vagos, mantendo-se apenas o primeiro secretário, que não tem participado ultimamente dos trabalhos da diretoria.

Portanto, há motivos pessoais e particulares, envolvendo a saúde de alguns, todos perfeitamente justificáveis.

A atual diretoria não tem nenhum candidato ou chapa a apresentar.

Eis, pois, as razões que foram analisadas na última reunião do ano, e que nos levaram a escrever esta carta, cujo objetivo é colocar os estimados sócios da Liga cientes da situação e, naturalmente, solicitar a todos os interessados que comecem, desde já, a promover articulações que resultem na formação e apresentação de chapas, contendo os nomes dos candidatos a serem eleitos em Maceió, para cumprirem o mandato da nova diretoria, no período de 2004 a 2007. Não esqueçamos que em 2007 a Liga completará 100 anos de fundação.

Na certeza de que os esperantistas do país compreendam a presente exposição de motivos, aguardamos que os candidatos iniciem os necessários contatos, para o que estaremos à inteira disposição relativamente a qualquer esclarecimento e/ou orientação.

Atenciosamente,

Dr. Lício de Almeida Castro
Presidente

Ni laboru kune! Esperanto: língua transnacional

endereço: SDS, Ed. Venâncio III, sala 303, CEP 70.393-900 - Brasília-DF caixa postal: 03625, CEP 70.084-970 - Brasília-DF
telefone: (61) 226-1298 fax: (61) 226-4446 site: http://www.esperanto.org.br e-mail: bel@esperanto.org.br

**Teksto de** Gacy Simas **Desegnajoj de** Elison **Traduko de** Carlos Maria

# kirurgio en la koro

1 *En hospitalo, fama kirurgiistino decidis ne plu profesii kaj sin preparas transloĝiĝi aliurben.*

2 *La hospitalestro petas ŝin, ke ŝi estru plian neprokrasteblan operacion antaŭ ol vojaĝi*

3 *La kuracistino, iom ĝene, decidis ne operacii. Tiel sekvamatene, ŝi ne iris la hospitalon, lasante tie nur averton: "Mi ne plu havas tempon flegi tiujn ĉi malsanulojn. La pacientojn flegu alia kirurgiisto".*

4 *Elirante la urbon, la kuracistino ricevis telefonmesaĝon sciigantan tion, ke ŝia patrino suferis koratakon kaj estas operaciata en la hospitalo, ĉe kiu ŝi antaŭe laboradis.*

*fino*

Oni serĉas komiksistojn por projekto rilatanta humuron kaj komiksojn (bildstriojn) en Esperanto. Se vi estas interesata, bonvolu skribi al la jena retadreso: hodos@free.fr

# 39º Congresso Brasileiro de Esperanto

39-a Brazila Kongreso de Esperanto kaj
24-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso

**18/22 julho 2004 Maceió - AL**
18-a/22-a julio 2004 Maceió - AL




**Tema: Esperanto na Escola**
Temo: Esperanto en Lernejo




**Organização** *Organizo*




**A.A.E.**
Associação Alagoana de Esperanto
Caixa Postal 396
CEP 57020-970 - Maceió/AL
Tel.: (82) 324 2979; 8804 0508; 9307 0183; 9972 7211
ariknubxxi@ig.com.br

**Auspício** *Aŭspicio*

**Brazila Esperanto-Ligo**
Caixa Postal 03625
CEP 70084-970 - Brasília/DF
Tel.: (61) 226-1298
Fax.: (61) 226-4446
bel@esperanto.org.br



**Apoio** *Apogo*

**Governo do Estado de Alagoas e Prefeitura Municipal de Maceió**

INTERNACIAJ ESPERANTAJ EVENTOJ



**9a Kolombia Kongreso de Esperanto**
15/17 de novembro 2003
Medeĝino - Kolombio
rafaelmejia@coldecon.com



**Zamenhoffesto 2003**
13 de decembro 2003
Toronto, Ontario - Kanado
http://esperanto.ca/toronto



**5a Tutlanda Kongreso de Tanzania Esperanto-Asocio**
14/15 de decembro 2003
Mwanza (ĉe la lago Viktorio) - Tanzanio
masho6@yahoo.com



**16a REK- EOLA - Festivalo**
21/27 de februaro 2004
Volgograd - Rusio
garik@mitino.ptt.ru



**6a TAKE- Tutamerika Kongreso de Esperanto**
21/27 de marto 2004
Havana - Cuba
kubeesp@ip.etecsa.cu



**60a IJK (Internacia Junulara Kongreso)**
10/17 de julio 2004
Kovrov - Rusio
http://www.org/vikio/ijk_2004



**89a Universala Kongreso de Esperanto**
24/31 de julio 2004
Pekino - Ĉinio
esperantobilbao@terra.com



**6a Esperanta Eŭrop-Unia Kongreso**
25/29 de aŭgusto 2004
Bilbao (Vaskio) - Hispanio
esperantobilbao@terra.com

